


OFICIALA ORGANO DE PROLET-ESPERANTISTA UNIO DE IBER-AMERIKAJ LANDOJ

| II-a Epoko 1-a (4) JARO | REDAKTEJO - ADMINISTREJO Cros, 4 - Barcelono (Sans) | BULTENO NOVEMBRO 1935 | SOCIA SIDEJO Cros, 4 - Barcelono (Sans) | Nr-o 1 (30) |
|---|---|---|---|---|

# La 2ª Kongreso de Prolet-Esperantista Unio de Iber-Amerikaj Landoj

(P. U. I. L.)

La Ekzekutiva Komitato decidis la 6-an de oktobro reaperigi definitive la organon de PUIL, nome "Proleta Voĉo", kaj samtempe ekorganizi la II Kongreson de la Federacia Unuiĝo.

La deviga silento estis longdaŭra, unujara. Intertempe ni penis aŭdigi iel nian voĉon, sed ne tiel klare kaj forte kiel estis per "Proleta Voĉo" antaŭe.

Ni estas, do, antaŭ nova epoko. En la unua etapo de la periodaĵo oni celis edifi *teorie* la proletan esperantistan movadon; oni sopiris konstrui *doktrine* la fundamentojn sociajn de nia ekzistado. En la kolekto de "Proleta Voĉo" ĝis num aperinta, oni povas trovi la tutan materialon k sperton, per kiuj oni povos vidi la radikalan diferencon, kiu ekzistas inter la burĝa esperantismo kaj la proleta esperantismo samtempe oni studis, ke ĉiu esperantismo estas klaseca, sed ke la proleta esperantismo devas esti neŭtrala rilate la partiojn, sindikatojn k tendencojn de Proletaro, tute same kiel okazas ĉe la burĝa tendaro, nome "neŭtrala esperantismo", neŭtraleco kiu rilatas nur al la disdividoj de la penso burĝeca, sed kiu rifuzas eĉ la plej etan penseron proletecan.

La dua etapo de "Proleta Voĉo", kiu hodiaŭ komencas ne havos la teorian karakteron kiel la unuan. La nova epoko estos ĉefe *organiza kaj propaganda*, tamen apogitaj, ni, sur la solida doktrino de filozofa Materialismo, jam eksplikita ĉi tiu sur la antaŭaj paĝoj de la periodaĵo.

Kredeble la Kongreso okazos je la lastaj tagoj de nuna jaro aŭ je la komencaj tagoj de januaro.

Ĉiu, kiu priokupiĝas pri la proleta esperantista movado bonvolu alsendi al ni sian opinion kaj sugestojn. Ameme ni ĉion atente studos, kaj de nun ni dankas jam al ĉiu kunlaboranto. Konsilu, aliĝu, proponu, helpu nin en la tasko kaj en la sukceso de PUIL!

En estontaj n-oj de "P. V." ni pli amplekse priparolos pri la Kongreso. Nun ni ĵetas la decidon al la vento por ke ĉiuj ekpensu pri laboro kaj aktiviĝu.

Ĉiu ekagu kaj cerbumu por la kresko de potenca esperantisma movado de proletaro, frontostaranta al la burĝa movado.

E. K.

# Nacia, Internacia lingvo k Esperanto

Kiu estas la rolo de Esperanto kiel lingvo internacia, k. kiu estas ĝia rilato de la evoluo de la lingvo?

Sen demandoj sufiĉe interesoplenaj por altiri la atenton de ĉiuj proletoj, esperantistoj aŭ ne k. pri kiu ni respondos kiel eble plej objecktive.

Kio estas lingvo? Lingvo estas rimedo per kiu la homoj esprimas siajn pensonj, fakto rezultanta el tio, ke homo estas socia besto. Ĉu niaj pratempuloj komencis balbuti imitati aŭ ne la naturajn sonojn, tio ne tuŝas tium fundamentan fakton.

La homo lernis esti socia besto, ĉar li spertis, ke laboro socia, t. e. laboro farita de grupiĝantaj individuoj, estas pli produktiva ol tiu de izolitaj homoj; tial estiĝis la unuaj sociformoj.

Lingvo estas nepre necesa rimedo en ĉiu socio; kaj ĉar estas la produktado k. disdonado de la materiaj riĉoj, kio determinas la formon (leĝoj, moroj, religio, ideoj) de ĉiu socio, sekve la disvolviĝo de ĉiu socio determinas fakte la disvolviĝon de ties lingvo.

La lingvo de niaj praavoj estis rudimenta ĉar ilia socia organizo estis ankaŭ rudimenta. La primitiva homo, kiu mem ĉasas la bestojn por sia nutro, kiu mem faras siajn vestaĵojn, konstruas sian hejmon fabrikas siajn armilojn k. ilaron, ne multe bezonis interrilati kun aliaj homoj pri tiaj aferoj. Sed ju pli organiziĝas la formo de socilaboro, despli dividiĝas la socio en homaj, kiuj konstruas domojn, kiuj fabrikas vestaĵojn, kiuj provizas nutraĵojn. k. t. p. Pro tia disdivido de laburorganizo, la homaj interrilatoj pli k. pli ampleksiĝis k. nature kompleksiĝis, bezonante konsekvence pli diversajn k. adekvatajn lingvoformojn.

Muttaj burĝaj sciencistoj eltenas la teorion, ke ĉiuj lingvoj originas el unu sama trunko. iu Arta lingvo, k. sekve ke la lingvoevoluo okazis el unueco al diverseco. Ĉu ni povas akcepti ĉi tiun "Torre de Babel) teorion? Ni esploru. La primitivaj lingvoj aŭ dialektoj emis ŝanĝiĝi, transformiĝi tre rapide, ĉar krom la homa memoro ekzistis nenia rimedo por fiksi la parolatajn sonojn, aŭ lingvoformojn. Ili sendube estis tre diversaj, ĉar al tiuj, kiaj ajn, gentoj memkontentigantaj siajn vivbezonojn, k. zorgantaj nur pri aferoj de sia propa gento ne multe devis interesi ĉu la vorto "kato" respondas al tiu de "hun do" ĉe la najbara gento. Sed la disvolviĝo de la komercaj interrilatoj *ĝisiagrade* altrudis lingvan unuecon. Al la disvolviĝo de la komerco el intergenta al nacia, k. de ĉiu tiu al internacia, al la disvolviĝo de la burĝaro sekvis la disvolviĝo de la lingvoj. Aŭ pli bone dirite: Lingvoj, komerco k. burĝaro disvolviĝis paralele. Tio facile estas klarigata de la fakto, ke kiam la komercaj interrilatoj transformiĝis el gentaj, aŭ vilaĝaj en naciajn k. poste en internaciajn la burĝaro bezonis kiel eble plej similajn lingvoformojn, al kio helpis la apero de la presarto, kiu standardigis la literojn.

**Malfacile estas sin liberigi je la antikvaj kutimoj, kiuj plenigas nian cerbon. Tamen, tion ni devas fari.**
**HENRI BARBUSSE**

Kvamkam jam de la plej fruaj tempoj la homoj revis pri ideo de lingvo internacia la unua atentinda elprovo fare de Leibnitz ekaperis kun la disvolviĝo de la burĝaro. Sed ĝi. k. kelkcentoj da aliaj pli aŭ malpli saĝaj elpensaĵoj unu post alia foraperis ĉar la medio ankoraŭ ne estis matura. Ĉe la apero de la poŝto, telegrafo k telefono, ĉe la internaciigo de la tekniko, ĉe la grandskala disvolviĝo de la maŝinaro, unuvorte, en plena epoko de la imperialismo, frape evidentiĝas la urĝa bezono pri internacia lingvohelpilo. Ĉe la intereso vekita de Volapük montriĝis ĝis kiamagrade la medio maturiĝis; k. tiam alvenis la genia elpenso de Zamenhof kun sufiĉaj kvalitoj meritantaj konsideri ĝin kiel plej racian helplingvon.

Sed la kapitalismo starigas problemojn kiujn poste ĝi ne povas solvi. La kapitalisma solvo al la problemo pri lingvo internacia akordiĝas kun la leĝoj de iu malgranda grupo de potenclingvaj nacioj batalantaj por altrudi en la mondmerkaton sian lingvon kiel internacia, sed ties ne regula disvolviĝo estas baro por ke ĉe tiu aŭ tiu lando atingu plenan venkon super aliaj konkurencaj ŝtatoj.

La fakto ke Esperanto estas renkontinte certan helpon ĉe faŝistaj landoj ĉiuj apartenantaj al la grupo de ne potenclingvaj estas klarigata per tio, ke tiu landoj konsideras Esp-on kiel armilon por batali kontraŭ siajn konkurencantoj potenclingvaj, ekz. Francio k. Anglio, kion aŭ ili kaŝe maskas sub brilaj vortoj, aŭ malkaŝe deklaras kiel faris Germana Esperantisto.

Antaŭ la malfacilaĵoj lerni diversajn lingvojn necesajn por la internacia komerco, kelkaj reprezentantoj de la kapitalismo sin turnis al Esp-o, en kiu ili vidas la solvon ĉe tiuj malfacilaĵoj. Sed la celo de la kapitalismo estas la profito, K. ne sufiĉan profiton oni vidas en Esp-o

por konvinki la kapitalistojn pri le bezono enkonduki Esperanton plej amplekse en la komercajn rilatojn.

Rezultas el ĉiaj tiaj faktoj, ke Esp-o nun vegetas en manoj de "internaj ideuloj"—falsaj aŭ veraj ne gravas—, ke negociistoj, kiuj ne kapablas doni al ĝi, ĝian plenan rolon, rolo de unika internacia helplingvo.

Bedaŭrinde la plej multo el la laboristaro ankoraŭ ne konseiiĝis pri la grava signifo de Esp. o ĉe la formado de vera solidaro internacia laŭ unuj, sennacia laŭ aliaj, sed ambaŭ formoj necese utilas por kunigi la mondan proletaron en fortikan bastionon kontraŭ kiu diskreviĝu la atakoj de la reakciaj kontraŭuloj.

Fine, la problemo pri lingvo internacia ne povas esti solvata sub regado de kapitalismo, antagonismaj fortoj efikantaj inter si. Tio estas afero kiu, malgraŭ ĉio, plene propras al ni, proletoj.

ERO.

# Revo

Se ni povus utiligi kaj profiti la grandiozegan energion de la Suno.

Miloj da milionoj da krateroj en erupcio, tra kiuj forflugas retorditaj fumfascoj de bruligantaj vaporoj; oceano da fajro vomante tunojn da inter radilumigantaj fulmoj; surdiga tempesto, dum kiu furioziĝus ĉiuj fortoj de l'naturo; miriganta ĥaoso, kie konfuzite miksiĝas la kemiaj elementoj; senĉesa subitardo de miloj da milionoj de tunoj da eksplodaĵoj, kiuj forĵetas siajn bruligeblajn produktojn je pli granda distanco ol tiu, kiu apartigas nin de la Luno; ĉio, kion la plej fantazia imago povas ekkompreni, kion la spirito pli malprudenta povas imagi pri infera ordo... tia aperas la blindiganta suna surfaco al akregaj rigardoj de l'astronomo, kiu rigardas la sunan bruladon tra la lensoj, lerte muntitaj al teleskopoj.

Brulo, kiu forbruligos ĉiuminute milionon kaj duonon da Teroj, kiel *la* nia, kaj disradiante la varmon atingitan per la bruligo dum milionoj da jaroj *de* 700 milionoj da miloj da milionoj da tunoj da karbo... tia estas la nekredebla povo de l'ardanta forno, kiu verŝas sur la planedojn kaj sur la Teron la profitojn de siajn revivigaj radioj.

Antaŭ ĉi tiuj grandegaj ciferoj, antaŭ tiu ĉi malŝparado de neatenditaj energioj, antaŭ ĉi tiu freneza sufiĉego, la nesciulo restas humiligita kaj lia spirito ne scias, kio pli surprizas lin: tiuj ciferoj, kies amplekso konfuzigas niajn sentojn aŭ la potenco de l'metodoj, kiujn utiligas la astronomo por analizi la mondojn.

Kiel oni ja povis taksi la sunan varmecon? Per maniero iom simpla, almenaŭ en teorio: serĉante la altecon, kiun atingas la temperaturo de termometro, metata en la sunradioj dum difinita tempo.

La meza kalkulo de la lastaj tre delikataj eksperimentoj, kiujn oni praktikis, pruvas, ke la Suno sendas ĉiuminute sur la Teron, por Ĉiu kvadrata centimetro bone lokita antaŭ si varmecan kvanton, kiu sufiĉas por varmigi (ĝis) en unu grado da temperaturo du gramojn da akvo.

Estas malmulte, vi diros, kaj tamen, se oni kalkulas la nombron da kvadrataj centimetroj enhavataj en cirklo, kiu havos la diametron de la Tero, oni atingas fantaziajn ciferojn.

La tago, kiam la homo povos kapti la sunan varmecon kaj meti ĝin en rezervon, ni ja*m* ne scios kion fari el la brulaĵo nigra (ŝtonkarbo) nek el la brulaĵo blanka (elektro). La kalkulo, ja certe, malkaŝas, ke la *tutaĵo* de l'varmeco kaptebla dum unu jara periodo, mekanike liveros al ni 300,000 milionojn da vaporaj ĉevaloj (Ĉevalpovoj), en ĝustaj numeroj.

Oni ne bezonus tiom por funkciigi niajn maŝinojn, por varmigi kaj lumigi nin.

Facile oni komprenas, ke ĉi tiu revo allogis pli ol unu inventiston; sed (de) el tiu ĉi flanko de ideoj nenion praktikan oni estas farinta ĝis nuna momento.

Ni reiru, do, al ekskluzivaj kampoj de l'teorio, kaj daŭrigu nian trapenetradon tra la sunvarmecaj regionoj.

El la intensega radiado, kiun la Suno forĵetas en Ĉiujn direktojn, la planedoj nur elĉerpas sensignifan parton *el tiu*. Rilate al la Tero nur elĉerpas preskaŭ unu bilionan parton.

Rezultas, do, kakulo de elementa fiziko sciiĝi pri la

---

Revoluciulo ne estas tiu-kiu fariĝas revoluciano, kiam okazas Revolucio, sed tiu-kiu dum senbrida reakcia tempo... defendas la principojn kaj agitvortojn de la Revolucio.

LENIN


**Gek-doj! aĉetu**

**GRAMATIKON**

Eldonitan de PUIL por fari elementalajn kursojn en niaj vicoj

**Prezo po ekzemplero: 1'50**

tuta energio de l'disradiado emitia, ellasita de la reĝastro, kaj oni alvenas al konkludo, ke la varmeco ellasita de l'gigantega brulo ekvivalentas kvincent milionoble pli ol tiu, kiun ni de ĝi ricevas.

Ĉu vi imagas, povas imagi kion ĉi tio reprezentas?

Neniel. Mi, do, tradukos ĝin en pli kompreneblan lingvaĵon.

Ni imagu grandiozan lenson povantan koncentrigi la tutan varmigan energion sunan sur nian globuson, kiun ni supozas en glacia stato, por ĉi tiu klarigo. Post unu kvarono da horo, la grandega blako restus fandita; post du horoj la degeligita akvo estus transformita en bolantan akvon, en vaporon ĉe la cent gradoj.

Kvin monatoj sufiĉus al la Suno por degeligi kun la sama kaj eksterordinara facileco ĉiujn planedojn kuniĝintajn en unu solan blakon da glacio, kiu egalvalorus pezon da 445 Teroj, kiel *la* nia.

Apenaŭ estus trapasintaj tri jarcentoj sen tio, ke la varmeco de la astro transformus en vaporan mason da akvo glaciigita egalan al ĝia propra volumo.

Ĉu vi deziros alian komparon? Imagu grandegan cilindran kolonon da glacio de 75 metroj de diametro kaj forpelu ĝin sur la Sunon kun la rapideco de la lumo, aŭ 300.000 kilometroj ĉiusekunde.

La fandado okazas laŭ la falo de l'cilindro sur la bruligan surfacon de la Suno.

Ĉio-ĉi, vi pensos, devas impliki nekalkuleblan temperaturon. Evidente, kaj ni jam atingis de sufiĉtempe ĝin taksi tre proksimume.

Laŭ meza kalkulo, la suna surfaco, la de la radiantaj nuboj, kiuj laŭ ni formas ĝian diskon, estas en temperaturo de 7,000 gradoj, aŭ la duoblo de varmigo, kiu estas produktata de niaj elektraj fornoj.

Sed tio nur estas meza kalkulo. Jen, ĉiu-dekunujare, la suna aktiveco kreskas, la temperaturo altiĝas, la makuloj aperas ĉe nuboza tavolo, kies elementoj troviĝas vaporigitaj.

Multaj spektraj radioj modifiĝas. Sajnas, kvazaŭ interna forto skuus la monstron kaj transformus ĝiajn internaĵojn.

En tiaj momentoj de koleriĝo de niaj instrumentoj montras temperaturon de 1.000 gradoj.

La infera agitado daŭras tri aŭ kvar jarojn, kaj poste ĉio trankviliĝas kaj la fenomenoj, pri kiuj mi jam antaŭe parolis maloftiĝas rimarkinde.

La antikvaj astronomoj, kiuj ignoris ĉi tiujn faktojn, akceptis la principon, ke la suna varmo estas en malofta konstanto.

La realo estas precize la inverso. La suna konstanto, aŭ la varmiga kvanto disradiita dum antaŭfiksita periodo, estas necese variebla, kaj la ciferoj, kiujn ni nune donas estas nur proksimumaj, kiuj moviĝas ĉirkaŭ kvantoj sufiĉe bone determinitaj.

Sen tio, kio klarigos, kvankam nur preterpasante, kial niaj tipoj ne variis de l'pratempoj, kaj kial ankaŭ ni observas periodajn sanĝiĝojn sufiĉe bone kalkulitaj de l'varmigaj radiadoj de l'Suno.

Kvankam ĉi tiuj lastaj estus ne tro potencaj, produktiĝas tiel grandkvante, ke la diferencoj de jaro al jaro simple sufiĉas por klarigi la meteorologiajn fenomenojn observitajn.

TH. MOREUX

Trad., *Sender.*




## PROLET-ESPERANTISTA UNIO DE IBER-AMERIKAJ LANDOJ

VARBILO

Bonbolu enskribi kaj aboni al oficiala organo- K-do, K-ino

Familia nomo : ..........

Antaŭnomo : ..........

Profesio: .......... Ago: ..........

Strato kaj n-ro : ..........

Loko: .......... Provinco: ..........

Lando : ..........

Mi sendas per .......... la sumon de ..........

Sumfamilianoj de membro n-ro : ..........

Kiel membro aktiva, protektanta. (*)

.......... 19 ..........

(dato)

(subskribo)

(*) Forstreku, kion vi ne deziru!

TARIFOJ

Aligho al «Proleta Voĉo»: 3'00 ptoj. Abonkotitzo al «Proleta Voĉo» (jare) 3'00 ptoj. Ciu membro ricevas nian organon. La abonoj komencas en la unua tago de la jaro. Ankaŭ duonjaraj abonoj estas akceptataj. Membrokarto: 1 peseto.

Sendu la varbilon kun la mono al: Sekretario de P U I L Strato Cros, 4 BARCELONO (Sans)

G. A. S. - Aribau, 228